

# VALENCIA LUNO



Tria epoko – numero 6 – Junio 2020

## ĈU VI SCIAS KIEL LUDI ŜAK-LUDON?



- KVARANTENO – 2
- MONDAFEST' 2020
- MALVORTOJ, NEOLOGISMOJ KAJ DON KIĤOTO




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a, pordo 5
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25 – 1- 1ª
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# ENHAVO


**01 KOVRILO**
**Foto de Pxfuel**

**04 SALUTON!**
**Majo pliboniĝis, de Eduardo Alonso**

**05 ĈU VI SCIAS KIEL LUDI ŜAK-LUDON?**
**Prelego, de Elías Hernández**

**09 MALVORTOJ, NEOLOGISMOJ KAJ DON KIĤOTO**
**BEK-Ekzercaro de Dennis Keefe, Cullera**

**13 LA PASINTECO**
**Luna Konsidero. Sesa lunradio**

**14 PROTOKOL-LIBRO DE SESIOJ**
**Kion ni faris en Majo?, de Eduardo Alonso**

**16 KVARANTENO - 2**
**de Dennis Keefe**

**21 MONDAFEST' 2020: Inaŭguro kaj unuaj oficialaj eventoj - Gazetaraj Komunikoj de UEA**

**23 MONDAFEST' 2020: Por la Virtuala Kongreso Individuaj Membroj de UEA aliĝos senpage - Gazetaraj Komunikoj de UEA**

**25 LA ESTONTECO**
**Kiam, kie, kio okazos?**


Foto: Pxfuel

# SALUTON!

## Majo pliboniĝis



Karaj geamikoj:

Lastan majon la sano-situacio pliboniĝis, ni jam povas foriri elhejme, kvankam kun iuj sekurecaj antaŭzorgoj.

Tiel, kiel en ĉiuj mondopartoj ni devis mem reinventi nin. Bonŝance, ke la teknologio jam estis preparita kaj danke al iloj kiel Zoom, ni povis daŭrigi kun niaj kunvenoj, kvankam en virtuala mondo.

Sed ni rigardu la bonan flankon, nun ni povas partopreni renkontiĝojn okazantajn tra la mondo kaj sen moviĝi de nia plej ŝatata fotelo. Estas ĉiuspecaj kunvenoj, de komencantoj, meznivelaj parolantoj, spertuloj, kursetoj, konferencoj, prelegoj, babiladoj, ktp.

Tiel ni povas vidi kaj aŭdi unu la alian kaj ĉefe lerni kaj praktiki nian nekredeblan lingvon. Vi povas trovi pliajn informojn ĉe

https://eventaservo.org/Reta

En ĉi tiu numero de nia revuo ni parolos pri ŝako, pri tio kion ni faris en majo, pri Mondafest '2020, kaj ni povos legi la duan parton de Kvaranteno.

Afablajn salutojn kaj bonan legadon

Eduardo Alonso

# ĈU VI SCIAS KIEL LUDI *ŜAK-LUDON*?

## Prelego de Elías Hernández

Dum la ege longa kvaranteno pro la murdema FI-kron-viruso, multaj el ni ekhavis multe da tempo libera ĉe ni, ĉar la entrepreno kie ni laboras fermiĝis dum tiu malfacila tempo, aŭ ĵus ĉar nia dom-laboro ne okupis al ni la tutan tagon, aŭ nur kaj simple ĉar ni jam emeritiĝis (jen mia afero). Do, ĉiuj el ni serĉis aktivaĵojn pri kio okupiĝi: lerni lingvon (prefereble Esperanton), ludi kun la geinfanoj, pentri, legi, skribi, kanti, aŭskulti bonan muzikon (aŭ malbonan, tio ne gravas dum tiu kvaranteno) ..., k.t.p.

Mia-flanke, mi subite rememoris kelkajn el miajn ŝat-okupojn dum mia juneco: mi dediĉis tiu-epoke multe da horoj pri ludado kaj praktikado de la mirinda mensa sporto-scienco ŜAKO aŭ ŜAK-LUDO. Kaj mi rekomencis la relegadon de kelkaj libroj pri ŝak-luktoj kiujn mi retrovis ĉe mi, en tirkesto, kune kun malpura kaj malgranda ŝak-tabulo. Mi purigis tiun tabulon, mi serĉis ankaŭ la pecojn (reĝoj, damoj, turoj, ĉevaloj, kurieroj, peonoj) kaj finfine mi nun ĝojas multe reludante tiun malfacilan sed ege agrablan lud-sporton. Mi klarigos kelkajn ideojn al tiuj kiuj ne konas ĉi-tiun aferon.

La ŝak-tabulo aspektas tiel, kun pecoj (maldekstre) kaj sen ili:






Eble vi jam konas kiel ludi, sed, por tiuj kiuj ne konas aŭ forgesis tion, jen kelkaj ideoj pri tiu scienco-ludo:

- Ŝak-ludo estas lukto inter du ludantoj, kaj oni devas uzi tabulon kaj du arojn da 16 pecoj.
- La tabulo estas kvadrata-forma plata surfaco, kaj konsistas el 64 ĉeloj alterne nigraj kaj blankaj (aŭ malhelaj kaj helaj).
- La du ludantoj alterne ŝovas la pecojn el unu ĉelo al alia.
- La celo de la ludo estas ŝak-matigi, kiu estas ne-repuŝebla atako sur la plej valoran pecon de la alia ludanto, lian aŭ ŝian reĝon.
- La pecoj moviĝas tiel:
    - **Reĝo**: po unu ĉelo ĉiu-foje, en libervola direkto.
    - **Turo**: laŭlonge de vicoj kaj kolumnoj (ĉe ŝak-lukto ĉiu kolono nomiĝas kolumno). Ĉiu ludanto havas du turojn.
    - **Kuriero**: laŭlonge de la diagonaloj. Ĉiu ludanto havas du kurierojn, unu kiu kuras laŭ la blankaj ĉeloj, kaj la alia laŭ la nigraj ĉeloj.
    - **Damo**: laŭlonge de vicoj, kolumnoj kaj diagonaloj. Oni povas diri ke tiu peco kapablas agi kiel turo kaj kiel kuriero, samtempe. Sed atentu: la damo ne povas agi kiel la ĉevalo.
    - **Ĉevalo**: per saltoj laŭ la litero L (du ĉeloj rekten kaj unu flanken, aŭ unu ĉelo rekten kaj du flanken). Ĝi povas transalti kaj siajn proprajn pecojn kaj la pecojn de la alia ludanto. Ĉiu ludanto havas du ĉevalojn.
    - **Peono**: ĝi povas transmoviĝi je unu ĉelo antaŭen, se tiu ĉi ĉelo estas vaka aŭ malplena (se la peono estas ankoraŭ en la baza pozicio, ĝi povas transmoviĝi je du ĉeloj antaŭen, se ambaŭ ĉeloj estas vakaj aŭ malplenaj). Plie ĝi povas preni pecon de la rivalo, kiu estas sur diagonale najbara ĉelo staranta antaŭ la peono. Ĉiu ludanto havas ok peonojn.

Jen la diversaj pecoj:



Ĉiu ŝak-lukto estas ne-hazarda lukto (la hazardo tute forestas ĉe ŝako), kaj konsistas el 3 fazoj: la MALFERMO (la unuaj kvin aŭ dek movoj), la MEZ-LUKTO kaj la FINA LUKTO. Kiam oni ŝak-matigas la kontraŭan reĝon, oni diras ke oni okazigas MATON, ekdirante: ŜAK-MATO!. Estas kelkaj klasikaj matoj, jam ekde la komenco de la lukto, dum la MALFERMO:

- Ŝak-mato de la FRENEZULO (per damo aŭ per kuriero)
- Ŝak-mato de la STULTULO (per damo helpe de du kontraŭaj peonoj)
- Ŝak-mato de la PAŜTISTO (per damo plus kuriero)
- Ŝak-mato de la ĉevala HUF-FRAPO (per ĉevalo)
- ...

Kaj aliaj matoj dum la MEZ-LUKTO aŭ dum la FINA LUKTO:

- Ŝak-mato de la KORIDORO (per damo aŭ per turo)
- Ŝak-mato de la ĈEMIZAJ ŜULTROJ (per damo helpe de du kontraŭaj turoj)

- Ŝak-mato de BODEN (fama angla ŝakisto, vivinta dum la XIXª jarcento)
- Ŝak-mato de LOLLI (fama itala ŝakisto, vivinta dum la XVIIIª jarcento)
- Ŝak-mato de DAMIANO (fama portugala ŝakisto, vivinta dum la XVª jarcento)
- Ŝak-mato de LEGAL (fama franca ŝakisto, vivinta dum la XVIIIª jarcento), ankaŭ nomata mato de la AMBICIULO
- ...

Ekzemple, jen la mato de la PAŜTISTO, farita de la BLANKAJ PECOJ sur la NIGRAJN PECOJN, kaj la mato de la FRENEZULO, farita de la NIGRAJ PECOJ sur la BLANKAJN PECOJN:






Elías Hernández Capdevila,

grupano 238 de la Grupo Esperanto Valencia

# MALVORTOJ, NEOLOGISMOJ KAJ DON KIĤOTO

## BEK-Ekzercaro de Dennis Keefe, Cullera

Esperantujo estas tre bonŝanca ĉar en niaj bibliotekoj troviĝas abundaj legomaterialo kaj libroj kiuj, laŭ intelekta vidpunkto, pravigas la lernadon de nia verda lingvo.

Unu el la elstaraj libroj en nia libro-kolekto estas ĝuste Don Kiĥoto, kiu havas duoblan valoron: ĝi estas eminenta literaturo, kaj samtempe ĝi estas bonega ilo por pli profunde lerni la gramatikon kaj speciale la vortojn de nia lingvo.




Tamen en ĝiaj paĝoj la tradukinto de la libro, Fernando de Diego, utiligis multajn, novajn vortojn, neologismojn. Ne estas facile lerni tiujn vortojn legante, ĉar ekster Kiĥoto, tiaj vortoj ne multe vidiĝas en libroj, kaj ege malofte aŭdiĝas en konversacioj.

Pro tiu lernoproblemo, mi verkis la sekvan ekzercon por helpi al legantoj de Don Kiĥoto pli rapide lerni kaj alkutimiĝi al tiuj novaj terminoj. Farante la suban ekzercon, eble helpos al vi se vi klopodas bone lerni kaj uzi la malvortojn antaŭ ĉio, sed samtempe ekkoni la neolgismajn sinonimojn. Tio helpos al vi pli facile legi literaturon en Esperanto, speciale la modernan.

Bonan lernadon!

VORTOJ por la suba ekzerco kies signifojn vi povas trovi en PIV, REVO aŭ PREVO. Vi rimarkos, ke preskaŭ ĉiuj neologismoj anstataŭigas MAL-vortojn. Respondoj post la ekzerco.

**Jen la vortoj:**

malfermi (aperti), supreniri (ascendi), malsupreniri (descendi), malespero (despero), malproksima (dista), malmola (dura), malforta (febla), malvarma (frida), malvarmeta (friska), malseka (humida), mallonga (kurta), maldika (magra), malrapida (lanta), malpeza (leĝera), maldekstra (liva), malproksima (lontana), malbona (mava), malstrikta (loza), maljuna (olda), malfermi (ovri), mallaborema (pigra), malsupreniri (sobiri), mallarĝa (streta), malfrua (tarda), malgaja, malĝoja (trista), malbela (turpa)

**Ekzercoj:**

1. Petro ofte malfrue alvenis al sia laborejo, kaj nur malmulte laboras. Li preferas ĉiam ripozi. Petro estas ___________.
2. Nokte pluvetis, kaj matene estis freŝe. Pro tio, la herbejo ĉirkaŭ nia domo estis iomete ___________.
3. La montgrimpistoj metis ĉion en siajn dorsosakojn antaŭ ol __________ la altan monton en la Alpoj.
4. Vi alvenis tro ___________, ĉar via trajno jam foriris.
5. Vi ne povas veturi per via aŭto laŭ tiu vojo. Ĝi estas tiel ___________, ke eĉ malfacile vi povas iri per biciklo..
6. Pro la longdaŭra malsano, li estis ankoraŭ tre ___________ kaj bezonis helpon por ellitiĝi matene.
7. Dio estas bona, sed la diablo estas ___________.
8. En Siberio, speciale en vintro, la vetero estas tre, tre ___________.

9. Post tiu tre peza vespermanĝo mi povas eble manĝi deserton, sed nur se ĝi estas ___________.

10. En radioscienco, oni ofte parolas pri longaj ondoj kaj ___________ ondoj.

11. En klasika muziko ofte la unua movimento de iu simfonio aŭ konĉerto estas rapida, dum la dua estas ___________.

12. Ĉiuj partoprenis en la ekskurso al la turista loko: junuloj, mezaĝuloj kaj ___________.

13. Ĉu bela, ĉu ___________? Kia estis la imagita amikino de Don Kiĥoto. Laŭ li, laŭ aliaj?

14. Diamantoj estas tiel ___________, ke estas malfacile rompi ilin, eĉ per frapo de martelo.

15. La promenantoj supreniris la monteton matene, kaj ___________ ĝin posttagmeze.

16. Post la forpaso de sia avino, li estis ___________ dum longa tempo.

17. Levu la dekstran manon se vi volas kunveni vendrede, kaj levu la ___________ se vi preferas renkontiĝi sabate.

18. La proksimajn montojn oni vidas kutime klare, sed ne la ___________, ĉar tie ĉiam estas iom da nebulo.

19. Mia pantalono estis iom strikta kiam mi aĉetis ĝin antaŭ unu jaro, sed poste mi maldikiĝis kaj nun ĝi estas iom ___________.

20. Tiu enirpordo fermiĝas kaj ___________ aŭtomate. Vi ne bezonas puŝi aŭ tiri ĝin.

21. La gamboj kaj la brakoj de Don Kiĥoto ne estas dikaj. Ili estas ___________.

22. Dante ___________ al la Infero, kie Virgilio gvidis lin tra la naŭ cirkloj de ĝi.

**Respondoj:**

1. mallaborema (pigra)
2. malseka (humida)
3. supreniri (ascendi)
4. malfrue (tarde)
5. mallarĝa (streta)
6. malforta (febla)
7. malbona (mava)
8. malvarma (frida)
9. malpeza (leĝera)
10. mallongaj (kurtaj)
11. malrapida (lanta)
12. maljunduloj (olduloj)
13. malbela (turpa)
14. malmolaj (duraj)
15. malsupreniris (descendis)
16. malgaja, malĝoja (trista)
17. maldekstran (livan)
18. malproksimajn (distajn, lontanajn)
19. malstrikta (loza)
20. malfermiĝas (apertiĝas, ovriĝas)
21. maldikaj (magraj)
22. malsupreniras (sobiris)

Dennis Keefe, Cullera



# LA PASINTECO

## LUNA KONSIDERO. Sesa lunradio

Pli kaj pli, vole nevole, la mondo estas tirata al logikaj decidoj, se ĝi ne volas perei, ĉu rapide -pro atomaj frenezaĵoj, ĉu iompostiome -pro senracia poluciado- fara de senmezura industriigo, sennatura vivado kaj superrega materialismo.

Post mallonge, aero ne plu estos spirebla; fiŝoj, ne plu manĝeblaj ; akvo, ne plu trinkebla. Kien iras la malfeliĉa homaro?

Kvereloj kaj diferencoj inter nacioj postulas dialogon, ne perforto. Pli bone argumenti ol frapi!

Sed, por bone dialogi oni bezonas interkomprenilon, sur plano de egaleco. Anglo superregas francon se la lasta ne bonege kapablas paroli angle, kaj franco premas, lingve, grekon kiu francan ne regas.



Longaj epokoj de lingva premado estas forpasantaj; post mallonge ili estos forpasintaj.

Esperanto aperas kiel sola solvilo de tiu anakronisma situacio, kiu ridigos la venontajn generaciojn. Uzadi maltaŭgan perilon kiam ekzistas delonge adekvatan rimedon, estas, fakte, malindaĵo. Kaj, ĉar la afero estas tiel grava por ke oni zorgu pri plej bona forigo de la problemo, des pli zorgeme oni devas serĉi la ĝustan kaj tujan solvon.

Esperantistoj devas, atendante la momenton kiam la regantoj de la mondo bone pripensu la aferon, perfektigi la lingvon, kaj agadi harmonie kaj kunsente. Jen la tasko!

Valencia Luno 1972 numero 06 lunradio.

# PROTOKOL-LIBRO DE SESIOJ

## Kion ni faris en majo?

Dum la monato majo ni ekkomencis novan agadon, per kiu oni legas, tradukas kaj starigas demandojn (kaj kompreneble, oni ankaŭ respondas) pri la verko La Eta Princo, verkita dum la unua duono de la XXª jarcento de la franca verkisto Antoine de Saint-Exupéry. Tiu verko estas facile legebla, relative facile tradukebla, kaj facilege komprenebla.

Tio okazas per nian interretan kunvenon per Zoom, laŭ-kutime je la sesa horo posttagmeze, de lundo ĝis ĵaŭdo,. Ni kunvenos dum unu horo, interparolante per nia mirinda lingvo, legante, tradukante kaj parolante pri la libro.

Dennis diris pri tio:

"La aldono de La Eta Princo al la babilrondo ŝajnas tre bona ideo. Ju pli ni eksperimentas instruo-cele kun literaturo des pli bone. Esperantujo ege bezonas tian materialon, kaj Hispanio povas montri la vojon al tia instruado kiu ne nur profundigas la lingvo-konon mem, sed samtempe nutras la menson. Kulturo gravegas."

Kaj en junio ni komencos per la libro Karlo, verkita de la fama svisa esperantisto Edmond Privat.



Pro tio oni kuraĝigas aliajn Esperantistojn partopreni nian babil-rondon kiu okazas je la sesa horo posttagmeze, (lunde, marde, merkrede, kaj ĵaude).

Ĉiu-vendrede oni okazigas nian plej gravan tagon, nian maratonon. Ĉiusemajne vendrede, inter la 16:00 kaj 16:50. BEK-Kurso por progresantoj kun simplaj, sed sufiĉe utilaj lingvo-ekzercoj. Ekzercoj, demandoj kaj respondoj. Temoj diversaj.

Inter la 17:00 kaj 17:50: Libro Don Kiĥoto en Esperanto, interparolado kaj diskutado pri la enhavo de UNU elektita ĉapitro de la libro. Partoprenantoj legas kaj studas la ĉapitron ANTAŬ ĉiu leciono. Kursgvidanto starigas demandojn pri tiu ĉapitro. Bonvolu legi, kiel ĉiam, la interesan ĉapitron de la libro Don Kiĥoto ĉi tie:

http://www.esperanto.es:8080/jspui/handle/11013/5093

Poste, je la sesa horo posttagmeze, ni parolos pri temoj diversaj en nia ĉiutaga babilrondo.

Kial vi ne faras same, kaj parolas aŭ nur aŭskultas nian mirindan lingvon dum unu horo?. Eniru tiun viglan, amuzan, afablan kaj instrueman babilrondon. Rememoru ke vi ne bezonas paroli, se vi ne deziras fari tion, vi povas aŭskulti nin dum la tuta horo. Mi invitas vin. Estu bonvena.

Ligilo ĉe Zoom, ĉiuj estas invititaj:

https://us04web.zoom.us/j/9486417937?pwd=MGNLTGhvSWcvSXlUc2NJYW5CM29ZUT09

ID de renkontiĝo: 948 641 7937

Pasvorto: 686936

https://eventaservo.org/e/e7bcf7

Eduardo Alonso

# KVARANTENO - 2
## de Dennis Keefe

Kvaranteno, Tago 8

La esperanta centro de la tago hodiaŭ estis la intereta kunveno inter la 18:00 kaj 19:00, en kiu partoprenis Pepe, Eduardo, Elias kaj mi.

Antaŭe kaj poste mi dediĉis min al la historia studado pri epidemioj. Ĉu vi scias, ke la nuntempa urboplano de Parizo kaj aliaj grandaj eŭropaj urboj devenas parte de erarplenaj teorioj pri la kaŭzoj de epidemioj?

En la lastaj tagoj mankas suno ĉi tie, kaj la endoma temperaturo falis de preskaŭ 20 ĝis 18. Iam venos la suno kaj estos refoje belega vetero en Cullera.

Kaj iam la viruso forvaporiĝos kaj tiam ni trinkos bieron kaj manĝos glaciaĵojn de la fridujo de PIV (Peris i Valero, 96, pordo 5).



Kvaranteno, Tago 9

Kiel preskaŭ ĉiam la tutan tagon en mia loĝejo. Kaj kiel preskaŭ la tutan semajnon tago plejparte sen suno.

Dum ĉi tiu kvaranteno mi aŭskultis kvin paroladojn faritajn de estroj de landoj pri la kronviruso: Sanchez de Hispanio, Merkel de Germanio, Trump de Usono, Macron de Francio, kaj hodiaŭ Johnson de Britio. Laŭ mi ĉiuj, laŭ siaj manieroj, bone parolis, krom Trump.

Mi ĝuis la babiladon per meet.jit.si/esperantio kun Elias, Eduardo, kaj Pepe, sed mi multe pli preferas interŝanĝi ideojn ĉeeste. Vivu PIV!

Kvaranteno, Tago 10

Vekiĝis, leviĝis, preparis mian matenmanĝon, sed mankas mielo por dolĉigi la panon. Sed kio estas pli bona: manĝi sendolĉe, aŭ iri tuj al la supermerkato, aĉeti mielon, kaj eble reveni hejmen kun nova amikino nomata kronviruso?



Post la matenmanĝo legis pri la historio de hispana literaturo, ĉi foje pri la unua parto de la 20a jarcento. Bele. Bele. Bele.

La plejparto de la tago dediĉis min al studado pri la historio de aliaj epidemioj, ĉefe de malario -- Ĉu vi scias, ke tiu termino devenas de MALBONA + AERO?

Tiurilate mi tra-aŭskultis la intervjuon de Doktoro Vergara, fakulo pri epidemiologio, el Ĉilio. Li inspiris min verki specialan BEK-ekzercon pri la nuntempa epidemio.

"Suferis" ne pro la kvaranteno, sed pro tio, ke en la lastaj dek tagoj la temperaturo pli kaj pli malaltiĝas enloĝeje: Estis iom pli ol 20 gradoj komence de la kvaranteno, kaj nun estas 17. Tamen mi scias, ke baldaŭ la suno reaperos, kaj mi estos je optimuma nivelo de ĝojo kaj feliĉo spite al krizo de la kronviruso.

Kvaranteno, Tago 11

Plejparte dediĉis la tagon al la sekvado de la kurso de Yale pri la historio de epidemioj en Eŭropo inter la jaro 1600 kaj nun. Hodiaŭ la profesoro finparolis pri malario kaj komencis prezenti la temon tuberkulozo. Mia avo de la flanko de mia patro mortis pro tia malsano en la 30aj jaroj.




Finis la filmon "Relaciones casi públicas" kun Manolo Escobar, Conchita Velasco, José Sacristán kaj tiu aminda virino kies familia nomo estas Aparicio. Eble Rafaela, ĉu ne?

Mi tre ŝatas tiun filmon parte pro la lertaj, amuzaj dialogoj kun multaj vortludoj. Sed ankaŭ pro la simpla muziko, kaj la tre profesia kameraa filmado -- bona enkadrigo, bona prilumado. Multege pli bona ol "Chica para todo".

Estis ses PIVanoj kiuj babilis inter la 6a kaj 7a: Elias, Eduardo, Rosa, Raul, Pepe kaj mi. La sonkvalito estis multe pli bona ol hieraŭ.

Aprilo venas. Pli sunaj kaj varmaj tagoj venas. Rapide! Rapide!

Kvaranteno, Tago 12

Ĉi matene la suno finfine malkaŝis sin, do finfine mi povis lavi miajn vestaĵojn kaj ĉion alian.

Metis la vestaĵojn, mantukojn kaj bantukojn en la lavmaŝinon. Poste verŝis la lavlikvon en la specialan ujon por tio. Tiam premis la starto-butonon por ekfunkciigi la lavadon.

Sesdek minutojn poste la maŝino haltis kaj sonoris por averti min, ke ĉio estis lavita kaj preta. Eligis ĉion, kaj surbalkoniĝis, kun lavitaĵoj en brakoj. Pendigis ĉion, por ke la tuto sekiĝu.

Dum la sekiĝado, rigardis la kurson pri epidemioj, lernante pri tuberkulozo en la 20a jarcento, kaj studante la gripon de la jaro 1918, per kiu malsano mia avo, ĉe la flanko de mia patrino, mortis.

Ĉe la sunsubiro malpendigis kaj endomigis la jam sekiĝintajn lavitaĵojn.

Partoprenis la kunvenon kun Elias, Eduardo, Ismaelo, Adolfo kaj Raúl. Lernis iomete pri la filozofoj Descartes, Spinoza kaj Derrida. Ĉiuj estas interesaj.

Kvaranteno, Tago 13

Preparis la du kursojn pri praktika gramatiko kaj Kiĥoto la tutan matenon. Tiu Kiĥoto estas vera juvelo, kaj ĉapitro 12 estas aminda.

Verkis novan BEK-ekzercon -- se vi ĉeestas mian kurson, vi konas la aferon. Sed ĉi foje skribis 32 demandojn rilate la kronvirusan krizon.



Ne havis tempon aranĝi mian kutiman tagmanĝon: salato kun ĉio freŝa kaj imageba ene, do anstataŭe mi kuiris avenon kaj enĵetis sekvinberojn kaj daktilojn.

Gvidis la du lecionojn kun 10-minuta paŭzo. Post tio sekviĝis la nun ĉiutaga babilrondo. Nova alveninto Begoña, kiu prononcas tre klare.




Finstudis la lecionojn de Yale pri tuberkulozo kaj pri la historio de la ne-etika esplorado pri sifiliso ĉe Tuskegee en Usono inter 1932 kaj 1972.

Rigardis lecionojn pri filozofio de kurso de Argentino. Skribis leterojn al familianoj kaj geamikoj.

Kvaranteno, Tago 14

Iris al la supermerkato la unuan fojon depost unu semajno. Neniu survoje nek alirante nek revenante. Fantomo-urbo. Tamen kelkaj aĉetantoj en la supermerkato Consum.

Aĉetis bananojn, kukurbojn, laktukon, brasikon, 2 panojn, 6 ovojn, kikerojn, tomato-saŭcon, asparago, sekvinberojn, semojn de sunfloro, kafon, cerealon, mielon, ruĝan vinon, lakton, daktilojn, oranĝojn, piprojn kaj "alcaparras".

Enirante, mi devis senmikrobigi la manojn per speciala, likva sapo. Poste la gardisto donis al mi "gantojn", kiuj fakte estis du plastaj saketoj, ĉar la veraj plastaj gantoj jam elĉerpiĝis.

Estis novstarigita, travidebla vando inter la kasistino kaj la klientoj por protekti ŝin de la kaŝitaj, ŝvebantaj kronvirusoj. Kaj, kaj, kaj.

(daŭros)

Dennis Keefe

# MondaFest’ 2020: Inaŭguro kaj unuaj oficialaj eventoj

## Gazetaraj Komunikoj de UEA




En la 20-a de majo UEA oficiale anoncis la realigon de la **Monda Festivalo de Esperanto (MondaFest’ 2020)** kaj la **Virtuala Kongreso de Esperanto (VK)** (uea.org/gk/875).

MondaFest’ 2020 okazos **inter la 20-a de junio kaj la 20-a de septembro 2020**, dum la VK okazos inter **la 1-a kaj 8-a de aŭgusto 2020**, kadre de ĝi. Aldone al tio, ni kun ĝojo informas, ke jam multe da partneroj aliĝis al la ideo de MondaFest’ 2020 kaj anoncas siajn eventojn kadre de ĝi. La konstante ĝisdatigata programo troviĝas ĉe EventaServo.org. Kontrolu kaj rezervu la datojn: eventaservo.org/e/mondafest2020. Detalojn vi trovas en la apartaj paĝoj de ĉiu evento ĉe Eventa Servo:

20 jun - MondaFest’ 2020: Somera Inaŭguro
26 jun - MondaFest’ 2020: Tago de Azio kaj Oceanio (provizore)
27 jun - MondaFest’ 2020: 65-a AMO-seminario: "Landaj Asocioj - Leviĝantaj Agantoj" (**sendu proponojn ĝis la 20-a de junio!**)
29 jun-03 jul - NASK 2020 1-a parto (**registriĝu ĝis la 22-a de junio!**)
06 jul-10 jul - NASK 2020 2-a parto
11 jul-18 jul - 76-a Internacia Junulara Kongreso (IJK)
18 jul-26 jul - SES kaj SEP - Somera Esperanto-Studado kaj Somera Esperanto-Programado
25 jul-31 jul - Virtuala Esperanto-Konferenco de ILEI (VEKI)

01 aŭg-08 aŭg - MondaFest’ 2020: Virtuala Kongreso de Esperanto (VK)
09 aŭg - MondaFest’ 2020: Internacia Tago de la Indiĝenaj Popoloj de la Mondo
15 aŭg - Paralela Universo (virtualaj aŭ surlokaj renkontiĝoj)
20 aŭg-20 sep - MondaFest' 2020: Tutmonda Arbo-plantado
12 sep - 8-a Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj (**sendu kontribuojn ĝis la 15-a de aŭgusto!**)
19 sep - MondaFest’ 2020: Tago de Veteranoj (provizore)
20 sep - MondaFest’ 2020: Printempa Inaŭguro

**Ĉu vi volas vian eventon en MondaFest' 2020?** Nia festivalo ampleksas la tutan komunumon: se vi havas ideojn aŭ proponojn pri eventoj, kiuj povos okazi, aŭ deziras, ke evento via okazu kadre de MondaFest’ 2020 aŭ VK, bv. kontakti la organizajn teamojn laŭ la kontakt-informoj ĉe eventaservo.org/e/mondafest2020. Aprobitaj eventoj kadre de MondaFest’ 2020 povos anonciĝi uzante la emblemon kaj nomon de la festivalo, inkluzive en EventaServo.org, kaj ĝuos informadon per la komunik-kanaloj de UEA.

**Kaj ĝis la 14-a de junio eblas partopreni konkurson por emblemo(j):** se vi estas artema aŭ entuziasma pri la la ideo de **MondaFest' 2020** kaj **VK**, sendu proponojn pri emblemoj ĝis la 14-a de junio (inkluzive) al la Ĝenerala Sekretario de UEA Aleks Kadar per alekska@gmail.com. La Estraro de UEA prijuĝos la proponojn kaj oficiale anoncos la gajninto(j)n de la konkurso la 20-an de junio, dum la inaŭguro de **MondaFest’ 2020**.

La premio estos senpaga aliĝo al Universala Kongreso en 2021 aŭ 2022 kaj unu-jara membreco en UEA, se la gajninto(j) ne estas membro(j). La Estraro povos aljuĝi pliajn premiojn al aliaj escepte bonaj proponoj. Legu pli: eventaservo.org/e/emblemoj_MondaFest2020+VK.
Se vi aŭ via organizo interesiĝas pri sponsorado aŭ subteno de la eventoj, tio estas tre pozitiva por la plej bona okazigo de MondaFest’ kaj VK. Pri tio kontaktu la Vicprezidanton de UEA, Fernando Maia Jr. ĉe fmaiajr@gmail.com.
https://eventaservo.org/e/mondafest2020
https://mondafest.net/

# MondaFest' 2020: Por la Virtuala Kongreso Individuaj Membroj de UEA aliĝos senpage

## Gazetaraj Komunikoj de UEA



Kiel anoncite (uea.org/gk/875a1), kadre kaj kulmine de la Monda Festivalo de Esperanto (MondaFest' 2020), okazos la Virtuala Kongreso (VK) inter la 1-a kaj 8-a de aŭgusto 2020. Kiel aludas ĝia nomo, dato kaj daŭro, la VK estos omaĝo al la Universala Kongreso, kun virtuala aliro al esencaj programeroj de la UK kaj enkonduko de novaj ideoj.

La VK estos senpaga por individuaj membroj de UEA. Tio spegulas la deziron de UEA, ke ĉiuj esperantistoj povu libere partopreni. Ankaŭ ne-membroj de UEA povos partopreni, sed kontraŭ simbola kotizo, tiel ke indas aliĝi al UEA plej frue antaŭ la VK. Informoj kiel registriĝi (kion devos fari ankaŭ senpagaj partoprenantoj, laŭeble frue) aperos plej baldaŭ en sekvontaj komunikoj kaj en eventaservo.org/e/vk. Por plej rapide aliĝi al UEA, uzu nian retan aliĝilon: uea.org/alighoj/alighilo/.

La VK-programo estas planita por havi unu ĉefan programon, kiu daŭros averaĝe po ses horoj tage (12:00-18:00 UTC), por ebligi al esperantistoj de ĉiuj landoj kaj horzonoj laŭdezire partopreni la tutan programon. Aldone, ĉiuj prelegoj disponeblos al aliĝintoj por posta spektado.

La VK utiligos multajn teknikajn avantaĝojn por strebi rekrei la specialan etoson de niaj kongresoj, kiel libera babilejo, renkontiĝaj ĉambroj, disdividiĝo en malgrandajn diskutgrupojn kaj riĉan menuon de prelegoj.

La VK-programo enhavos kelkajn el la tradiciaj plej ŝatataj kaj konataj elementoj de la UK, kiel la prelegoj de la Internacia Kongresa Universitato kaj la Scienca Kafejo, kies resumoj estas videblaj en la IKU-paĝo

uea.org/teko/IKU/. La ĉi-jara IKU-libro, kun la tekstoj de tiuj prelegoj, haveblos elektronike kaj senpage. Aliaj tradiciaj UK-programeroj, kiuj okazos virtuale kadre de la VK, estas la Tago de Lernado, la publika kunveno de la Akademio de Esperanto, Estraro de UEA respondas kaj la Aŭkcio.

Ne mankos specialaj programeroj kiel la Bankedo, kiun anstataŭos virtuala prezentado de naciaj pladoj el la tuta mondo, kaj la Internacia Vespero, kiu nomiĝos "Internacia Arta Aranĝo". Por ambaŭ jam nun eblas proponi erojn skribante al la Virtuala Kongresa Komitato vkk@esperanto.org kaj mondafest2020@googlegroups.com.

Ankaŭ la Ekskursa Tago okazos virtuale, tiel ke oni povos elekti ekskursojn al pluraj famaj turismaĵoj de la mondo, kun lokaj esperantistaj ĉiĉeronoj. Se vi volas oferti tian viziton de turismaĵo en via lando, bv. skribi al la kunordiganto, amriwandel@gmail.com, ĝis la 10-a de julio. El la proponoj estos elektitaj pluraj virtualaj ekskursoj.

Via helpo por tiu projekto estas bonvena - diskonigo de tiuj informoj al viaj lokaj kaj landaj grupoj kaj asocioj, provizo de novaj ideoj kaj proponoj kaj financa subteno. Se vi aliĝis al la 105-a UK, unu ebleco subvencii tiun agadon estas proponi vian aliĝkotizon kiel donacon, informante tion al la Kongresa Fako per kongresoj@co.uea.org. Alia maniero estas proponi liberan donacon al nia agado por kongresoj ĉe uea.org/alighoj/donacoj/donaco (bv. indiki, ke via donaco celas la Virtualan Kongreson).

Sed la plej grava subteno estos frua aliĝo, kiel supre menciite, kaj partopreno en la Virtuala Kongreso, okazonta komence de aŭgusto, kadre de MondaFest' 2020, kies Somera Inaŭguro okazos post kvar tagoj, la 20-an de junio. Ĝisdatigoj pri tio sekvos ĉe eventaservo.org/e/mondafest2020.

Mallonga ligilo por tiu ĉi komuniko: uea.org/gk/885a1

https://eventaservo.org/e/mondafest2020

https://mondafest.net/

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.

27. junio - 4. julio

Ne okazos! - Prokrastita unu jaron! - ~~La 86-a IKBE (Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj)~~ - en Moskvo, Rusio. Temo "Esperanto kaj muziko unuigas nin". Prelegoj, ekskursoj, riĉa vespera programo atendas ĉiujn partoprenontojn. Alilandanoj petu invitilon por vizo-obteno ĉe Sv. Smetanina. Bonvenoan al gastama Rusio! Organizas: LIBE kaj REU. - retadreso: masenkoai@mail.ru, svsmetanina@yandex.ru

27. junio - 6. julio




Ne okazos! - ~~Roskilde-festivalo~~ - en Roskilde, Danio. Dana Esperantista Junulara Organizo ekde 2007 partoprenas en Roskilde Festivalo, unu el la plej grandaj muzikfestivaloj de norda Eŭropo. Nia partopreno funkcias tiel ke ni kiel asocio deĵoras por la festivalo, farante ian servon kiu utilas al la festivalo. Kontraŭ tio niaj deĵorantoj ricevas senpagan bileton por la festivalo, kio alie kostas sufiĉe multe (ĉ. €260 ekde 2015). Ankaŭ nia asocio ricevas pagon kontraŭ la deĵoro, kaj ni uzas la plejparton de tiu sumo por krei tre favorajn kondiĉojn por niaj karaj kunfestivalanoj. Ekzemple ni konstruas grandan bazon en aparta loko fermita al la publiko kaj tie ni kuiras kaj manĝas kune. Kutime ni aĉetas manĝon por ĉiuj dum la tuta festivalo. Estas multaj taskoj kiujn eblas fari por la festivalo. Dum la jaroj ni havis redonbudon, kontrolis brakbendojn ĉe pordegoj, patrolis

ludparkon kaj havis etan manĝbudon. Organizas: Dana Esperantista Junulara Organizo. - retadreso: roskildefestivalo@gmail.com




28. junio - 4. julio

Okazos nur virtuale! - ~~NASK 2020~~ - en Raleigh, Norda Karolino, Usono. NASK, La Nord-Amerika Somera Kursaro de Esperanto estas somera studprogramo kiu emfazas aktivan uzadon de Esperanto en interkulturaj komunikado, kompreno, kaj kunlaboro. La instrumetodo ĉe NASK estas duflanka: Kompreneble, la unua flanko estas klasĉambra instruado, kiu kutime daŭras po tri horoj tage. Tamen NASK estas ne nur kursoj. La dua, egale grava flanko estas la semajnfinaj kaj vesperaj programoj, kiuj donas al lernantoj okazojn por distriĝi kaj neformale esplori diversajn aspektojn de la lingvo kaj kulturo. Organizas: s-ino Ellen M. Eddy, 11736 Scott Creek Drive SW, Olympia, WA 98512, Usono. - retadreso: eddyellen@aol.com, tel: 360-754-4563

---

3 - 5. julio




Ne okazos! - ~~Studosemajnfino~~ - en Bornerbroek apud Almelo, Nederlando. Por progresintoj kaj (nederlandlingvaj) komencantoj. Lecionoj je 4 niveloj. Restado, lecionoj kaj manĝo kune por 75/85 eŭroj. Organizas: Esperanto-Nederland. - retadreso: studosemajnfino@esperanto-nederland.nl




4 - 11. julio

Ne okazos! - ~~56-aj Baltiaj Esperanto-Tagoj, BET-56~~ - en Jelgava, Latvio. Programo de BET-56 enhavos diversnivelajn Esperanto-kursojn, enkondukan kurson en latvan lingvon, Someran Universitaton, Interkonan, Nacian kaj Adiaŭan vesperojn, muzikajn kaj artajn programerojn, duontagajn kaj

tuttagan ekskursojn, kvizojn, filmojn, kantojn, dancojn k. a. aranĝojn. Organizas: Latvia Esperanto-Asocio, p.k. 150, LV-1050, Riga, Latvio. - retadreso: margarita.zelve@gmail.com, tel: + 371 26407174 (Margarita Želve), + 371 28486628 (Biruta Rozenfelde)

10 - 19. julio




Ne okazos! - ~~Rusiaj Esperanto-tagoj - 2020~~ - apud Krasnojarsk, Rusio. RET-2020 estos neordinara, en la unuaj 2 tagoj (10-12 julio) okazos flosado laŭ la rivero Mana! Tute sendanĝera kaj ĝuinda programo kun vesperaj lignofajroj, kantado, trifoja manĝado, ludoj, kvizoj, ktp. Post la rivera flosado sekvos la tergrunda programo de RET en la turisma bazejo "Brusnika". La ĉefa RET-programo antaŭvidas diversgradajn kursojn, prelegojn, koncertojn, ekskursojn, kvizojn, sportumadon, naĝadon, diskutadon, lignofajrojn kaj ĉion alian, kion vi proponos kaj (kun)organizos. - Invitu viajn geamikojn, alilandajn gastojn, parencojn. Ni povos akcepti ĝis 100 personoj. - Ni kune festu la 45-an jubileon de Krasnojarska E-klubo! - Organizaj adresoj: Svetlana Smetanina, REU: svsmetanina@yandex.ru, kaj Krasnojarska E-Klubo: kresko1975@mail.ru

10 - 26. julio

Somera Esperanto-Perfektigo (SEP-5) - en Herzberg am Harz, Germanio. Dum 2x1 semajnoj: intensa lingvolernado (A1-A2, B1-B2, C1), konversaciado por infanoj, gejunuloj, plenkreskuloj. Ekskursoj per biciklo, trajno kaj piede, diskutado pri aktualaĵoj, konatiĝo kun Esperanto-literaturo kaj la biblioteko de la Esperanto-Centro, kulturaj programeroj. Organizas: Interkultura Centro Herzberg (ICH). - retadreso: esperanto-zentrum@web.de




11 - 18. julio

76-a Internacia Junulara Kongreso, IJK - en Someren, Nederlando. Kongresa temo: Toleremo - ĉu senlima? Organizas: Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, TEJO - retadreso: oficejo@tejo.org

17 - 18. julio

21-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco (IMEK) - en virtuala formo per Zoom. Tradicia konferenco de UMEA, ne Esperanta sed ĉefe anglalingva. Organizas: S-ino Katarina Faragó - retadreso: info.21aIMEK@gmail.com

18 - 21. julio




Varmaj Tagoj en la "Esperanto-Stacio"

Varmaj Tagoj - Urbe kaj nature - en Halbe ĉe Berlino, Germanio. Somerumu kun ni! Varmaj Tagoj estas la somera renkontiĝo ĉe la Esperanto-Stacio. Varmaj aktivaĵoj atendas vin: Plaĝumado kaj naĝado (dumtaga kaj nokta!) en nia lago, kajakumado, ludado de flugpilko kaj tabloteniso, laŭvola ekskurso al Berlino kaj festumado ĉe la stratfesto (Stadtfest). La Esperanto-Stacio troviĝas en la vilaĝo Halbe, ĉirkaŭ 30 minutojn sude de Berlino. La centro de Berlino estas tre facile atingebla per ĉiuhoraj trajnoj. Atentu! La evento havos limigitajn lokojn! Por certigi vian partoprenon, bonvolu sendi mesaĝon al la sekva retadreso kaj vi ricevos informojn pri kiel antaŭpagi la kotizon. Organizas: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com




18 - 26. julio

Somera Esperanto-Studado - virtuale, tutmonde. La pandemiaj obstakloj ne permesas, ke SES 2020 okazu kiel kutime, tial ni preparas por vi specialan, unikan virtualan Esperanto-lernejon! Unuafoje en historio do vi havos la ŝancon lerni Esperanton dum SES kaj samtempe resti hejme! La ĉefa instruado okazos dum la du semajnfinoj (kun aldona libervola programo inter ili - lunde-vendrede). Organizas: E@I. - retadreso: ses@ikso.net

18 - 26. julio



Somera Esperanto-Programado (SEP) - en Kroměříž, Ĉehio. La celo de kodummaratono estas krei funkciantan programaron aŭ aparataron fine de la

evento. Oni povas veni kaj krei propran projekton, teamiĝi kaj eĉ estos projektoj proponitaj de ni, kiuj estas elpensitaj tiel, ke ili helpu Esperantujon. Organizas: E@I. - retadreso: sep@ikso.net




23 - 26. julio

Fieru! - La GLATa Esperanto-Renkontiĝo - en la Esperanto-Stacio en Halbe ĉe Berlino, Germanio. Bonvenas la tuta GLATa-komunumo - gejoj, lesboj, ambaŭseksemuloj, transgenruloj, kaj krome ĉiuj aliaj kiuj emas! La aranĝo okazos dum la GLATa semajno de Berlino. La klimakso de nia renkontiĝo estos la grandega parado de Berlin CSD Pride, kiu okazos la 25-an de julio 2020. Ni oficiale partoprenos kaj marŝos kun Esperanto-flagoj. Dum FIERU! okazos ankaŭ prelegoj pri GLATaj temoj, naĝado en nia apuda lago kaj ekskursoj al Berlino. Atentu! Estas necese antaŭaliĝi ĉe: Esperanto-Stacio. - retadreso: esperantostacio@gmail.com

23. julio - 2. aŭgusto

PollandRok - Pol'and'Rock - en Kostrzyn nad Odrą, Pollando, je 5 km de la german-pola landlimo, je 95 km de Berlin. Renkontiĝo por memzorgantoj ene de la granda rokmuzikfestivalo Pol'and'Rock, kiu antaŭe nomiĝis Przystanek Woodstock (500.000 homoj). Inf.: Andi Münchow, rete: andim(ĉe)gmx(punkto)li, pli bone per Telegramo: t(punkto)me/Andi_E





23. julio - 2. aŭgusto

Renkontiĝo de Esperanto-Familioj!

Ne okazos! - ~~Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj~~ - en Ispánk, Hungario. - Prokrastita al 2021

25 - 31. julio

53-a ILEI-Kongreso (Virtuala) - en reta platformo. Organizas: Internacia Ligo de Esperantaj Instruistoj, ILEI, cp 9, 2416 Les Brenets - retadreso: mirejo.mireille@gmail.com






25. julio - 1. aŭgusto

93-a kongreso de SAT - en Bjalistoko, Pollando. Ĉi-tiu estos la unua SAT-Kongreso en Pollando post la aborta provo de 1987. La organiza kongres-komitato konsistos el anoj de bjalistoka esperanto-societo. Bildoj pri la prezento farita de Pŝemek Wierzbowksi dum la 92-a SAT-Kongreso en Barcelono estas videblaj en la fejsbuka paĝo de SAT. Organizas: Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), 67 av. Gambetta, FR - 75020 Paris, Francio. -Retadreso: sat@espero.bialystok.pl

27 - 31. julio

Festivalo NATURIST'



1-a Verda Naturisma Semajno, kun Esperanto-kurso - en Baugé-en-Anjou, Francio. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. -retadreso: kastelo@gresillon.org




27. julio - 9. aŭgusto

Somera esperantumado - en Niĵnij Tagil, Rusio. Mi invitas esperantistojn viziti mian hejman urbon kaj la privatan domon, kie en la gastema atmosfero vi povas ripozi kaj praktiki Esperanton. Estos ankaŭ ekskursoj kaj promenadoj en la parkoj de la urbo kaj ekster urbo. Pri vizoj mi ne respondecas. Organizas: Larisa Kuzmenko, str.Kushvinskaja 25A, N.Tagil-622013, Rusio. - retadreso: klarisa8@yandex.ru

28. julio - 7. aŭgusto

Milan Zvara - en Karpata montaro, Ukrainio. Esperanto-piedmarŝo de la vilaĝo Dovhe, kie naskiĝis fama slovaka esperantisto Milan Zvara en Zakarpata provinco, al la plej alta monto de Ukrainio, Hoverla. Organizas: Volodimir Hordijenko, p/k 35, Kiev-133, UA-01133, Ukrainio. -retadreso: volodomir@ukr.net

31. julio - 1. aŭgusto

Esperanto-Kurso - en Montrealo, Kanado. Intensa Esperanto-preparkurso por la Universala Kongreso de Esperanto. Katalin kaj Sylvain invitas vin al unika lerno-sperto : Parolu Esperanton en du tagoj! Organizas: Esperantic Studies Foundation. - retadreso: admin@esperantic.org

---

1 - 8. aŭgusto




Ne okazos! - ~~105-a Universala Kongreso de Esperanto~~ - en Montrealo, Kanado. **Prokrastita al 2022.** - La kongreso okazos en la hotelo Sheraton, en la urbocentro. Temo: "UN 75-jaraĝa: dialogo kaj interkompreniĝo en ŝanĝiĝanta mondo". - Organizas: Universala Esperanto Asocio. - retadreso: kongresoj@co.uea.org - Pliaj informoj ĉe https://www.esperanto2020.ca

1 - 8. aŭgusto

Ne okazos! - ~~49a Internacia Infana-adoleskanta Kongreseto~~ - en Montrealo, Kanado. Infanoj kaj adoleskantoj kune lernas kaj ludas, dum iliaj gepatroj ĉeestas UK-on. Organizas: IIK-skipo. - retadreso: infana.kongreseto@gmail.com



3 - 14. aŭgusto

4-a Maratona Esperanto-kurso kaj IEK - en Baugé-en-Anjou, Francio. Universitatnivela kurso kun Ilona Koutny, paroliga kurso kun Jean-Luc Kristos. Konferencoj pri " Naturo, Medio, Klimato " Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

fonto: http://www.eventoj.hu